# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 22/03/2014 Cent kvindek sepa eldono 22/03/2014** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)


**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Eviti perdon de tempo en trafikŝtopiĝo elsendo de la 12a de marto.




Kiel oni scias, grandegaj urboj en la mondo suferas de komuna malsano, kontraŭ kiu oni ankoraŭ ne trovis kuracilon: tro granda kvanto da aŭtomobiloj. Ĝi estas tipa ekzemplo de malbona konsekvenco de modernaj rimedoj. Iom post iom, privataj aŭtomobiloj fariĝas relative nemultekostaj, do aĉeteblaj de pli kaj pli multaj homoj. Sekve, soluloj preferas alfronti longajn trafikŝtopiĝojn en siaj klimatizataj kapsuloj ol kunpremiĝon en homamaso, en omnibusoj kaj metrooj. Diabla elekto! Multaj urboadministrantoj ne prepariĝis por la vertiĝa kresko de trafiko, tiel ke publikaj veturiloj ne sufiĉas por la grandega kvanto da pasaĝeroj. Minacas ĥaoso en multaj tiaj urboj.

Ktp ktp -------------------------------------------

Sed la esploro montris, ke la plej granda amiko de kaptitoj en trafikŝtopiĝoj estas... radio! Per tiu mirinda komunikilo – pri kiu vantuloj supozas, ke ĝi estas ekstermoda – ili povas aŭskulti muzikon kaj informojn, por ĉiaj gustoj. Kaj se inter ili eventuale troviĝas Esperantistoj, jen taŭga, oportuna okazo por aŭskulti la Esperantan RetRadion!

# Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/




Ĉe Esperanto-Domo EFNSK Redfern Dimanĉon la 16an de Marto 2014





Roger ornamas Esperanto-domon per balonoj En Esperanto-domo fotis Nicole

12 homoj venis Nicole Else, Richard Delamore, Margaret Chaldecott, Tiffany Liu, Dmitry Lushnikov, Roger & Mei Springer, Lumera Nohill, Steven Garamy, Marina Lobanova.
Kaj vizitantoj Chris Hamer & Jack Kelly.



## La Manlia Esperanto-Klubo. 15a marto 2014

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

4 venis Roger Springer, Rainer Kurz, Ian Wylles, John Casey

## SENDU NOVAĴON, FOTOJN DE VIA KLUBO AL LA MONDO



Kiom el vi rekonas tiun konatan aŭstralian esperantiston?
Foto de la mezo de la 50aj jaroj. Amike, Nicole

Karaj Roger kaj Nicole,
Kiu ne rekonas la foton de Herbert Koppel (en la grupfoto)? Ivan Maddern kaj Ken Linton mi ne konas, nur konas iliajn verkojn. Ĝis la , Henry Broadbent

Mi bone memoras la kvar virojn en la foto, kiu transportis min malantaŭen sopire al la 1970aj jaroj, en Sidnejo.
Bedaŭrinde, mi ne estis Esperantisto en la 50aj, do ne povas helpi rilate al la junulo. Plej amike, Vera





Mi ne scias, kiam Vera unuafoje vidis **Donald Broadribb**, sed evidente ŝi konatiĝis kun li nur poste kaj do ne konis lin kiam tiu foto estis farita. Bedaŭrinde personoj ja pli aĝiĝas kaj kiam ili estas maljunaj ne vere plu aspektas same kiel ili aspektis kiel junuloj.



La foto estas sur la retejo de la Esperanto-muzeo en Vieno. Amike Nicole

# The Simpsons



Skinner diras kelkajn vortojn en Esperanto! Tamen li ne kapablas prononci "soleca" ekzemple kaj la gramatiko ne estas bona. Supozeble iu uzis Google translate aŭ ion similan kaj ne petis helpon de vera Esperantisto.



https://www.youtube.com/watch?v=M_77-WMZ1nY Amike, Nicole



Unue mia plendo. Kelkaj el ni (AE legantoj) komentis en ju-tubo pri tiu video, sed nur Nicole Else informis la novaĵleteron. Bonvolu sciigi min, kiam vi trovas interesan filmeton. Dankon al Nicole.



Esperantistoj devas subteni Esperanton per siaj anglaj komentoj, en ju-tubo. Uzu Esperanton por montri vian lingvan sperton al Esperantistoj, sed ne la Anglan por eviti malgrandigi la propagandan rezulton.



**Tiaj spertuloj malkuraĝigos aliajn programestrojn uzi Esperanton estonte.**

Laŭ mi, multegaj homoj spektas la programon 'The Simpsons' kaj ĉiuj Esperantistoj devas laŭdi tiun antaŭen paŝon por konigi la ekziston de Esperanto al la spektantoj. Roger Springer





Brian Barker, anglo, skribis 'Tamen bonega informado'.

## LINGVO NASKIĜIS

### HISTORIO DE ESPERANTO

(Angle)





https://www.youtube.com/watch?v=Rtx3hhnzBxg&feature=player_detailpage

## K o r e k t o .



Mia artikolo "Bonaj novaĵoj el Kanbero" (A.E. n.ro 149) bezonas korekton. Kie mi mencias, ke la plimulto de la Estraro (de A.E.A.) simpatias kun Igor, mi nun opinias, ke intertempe tiu plimulto fariĝis malplimulto. Mi petas pardonon al la "senkrimaj" membroj de la nuna Estraro.

Mi aldonas mian konvinkon, ke la malnovaj membroj de A.E.A., kiuj nenion faris kontraŭ la kalumniado kaj persekutado ante la leĝajn kontraŭulojn de la planoj de Igor, estas same kulpaj pro tiel helpi la persekutantojn, kio rezultis en la karaktermortigo kaj reputacinigrigo de leĝe agantaj AEA-membroj. Se oni konsideras la ĝeneralan politikan batalon, oni ja konstatas, ke diktatoreco ekestas parte pro la neagado de la malaktivaj amasoj. Kaj ankaŭ en la demokrataj leĝaroj la homoj kiuj ne malhelpas krimon juĝatas kulpaj.

Sed, vivu la nova A.E.A. kun sia nova Estraro, speciale la, pro siaj vastaj konoj financaj kaj organizaciaj, por A.E.A. utilega kaj laboreganta Heather Heldzingen.

Marcel Leereveld.

## KOMENTETO PRI LA PASIVA VOĈO.

(Ĉi tio ne estas parto de miaj ĉiusemajnaj gramatikklarigetoj).



Plua pruvo, se necesa, ke la Pasiva Voĉo laŭ la Zamenhof'a "solvo" ne estas verbo, sed adjektivo, kaj tial ne sufiĉa, estas ke eĉ unu el la plej kleraj Esperantistoj aŭstraliaj, Nicole, faras pri ĝi erarojn (vidu A.E. n.ro 133 paĝe 3): "Ni ankoraŭ ne scias, kiam la programo estos elsendita", kio laŭ Zamenhof devas esti "estas elsendota" aŭ "estos elsendata", kaj kio laŭ mi kaj aliaj devas esti "elsendatos". La pasiva voĉo povas logike esti nur unu verbo kun verba

finaĵo. Tio kion Nicole skribis signifas “will be having been broadcast at some stage in the past”.

Cetere, ankaŭ laŭ P.A.G. ($ 100) Esperanto draste evitu la nenecesajn eŭropajn modojn kompleksajn. Tiuj estas la jenaj:

La anglisma (kaj hispanisma) continuous tense (kiu ne estas tempo aŭ aspekto, sed modo): Every Monday we are learning Esperanto, Every child has been told to leave, kaj I shall be going. Ĉi tiuj tipe anglaj formoj eble disvolviĝis, kiam la naskiĝanta angla lingvo fariĝis tro densa, t.e havante vortojn tro mallongajn por ordinara parolo. Ilin apenaŭ uzas aliaj lingvoj, ĉar nenecesaj, kaj evitatu en Esperanto: Ĉiun Lundon ni lernas Esperanton; Al ĉiu infano oni ordonis foriri; kaj Mi iros.

La eŭropisma preterito en la formo de perfekto: Au petit dejeuner j’ai mange trois oeufs; Er ist um halb zwei angekommen; kaj She has been followed for an hour. Ili naskiĝis el predikativoj, kaj Esperanto apenaŭ bezonas ilin: Je la matenmanĝo mi manĝis tri ovojn; Li alvenis je duono post la unua; kaj Ŝi sekvatis dum horo.

La “duobla preterito” kaj la “duobla futuro”: “Mi estis manĝinta, kiam li retrovenis” kaj “Mi estis pardonita, kiam la kunveno komenciĝis”, kaj “Kiam mi hejmvenos, mi estos manĝonta la kukon” kaj “Kiam la hundo estos forsendata, mi estos havonta trankvilan vesperon”. Uzu simplajn verbojn, kiaj en: “Mi jam antaŭe manĝis, kiam li retrovenis”, kaj “Mi antaŭe pardonatis kiam la kunveno komenciĝis”, kaj “Kiam mi hejmvenos, mi poste manĝos la kukon”, kaj “Kiam la hundo forsendatos, mi poste havos trankvilan vesperon”.

Malmultvorte: uzu la Esperantajn participojn ĝenerale nur kun kaj antaŭ substantivoj, ĉar ili ja estas adjektivoj: “La fumanta knabino estis dek-dujaraĝa kaj ankoraŭ kreskanta. La punita knabo helpatos kaj konsolatos de sia fratino”.

Do for la multaj tempoj kompleksaj! Uzu ilin nur kiam absolute necesaj, ekz. “Ni estis manĝantaj nian lunĉon (kaj ni ne finis ĝin), kiam subite bombo eksplodis apud ni”.

PS 1). (samnumere, paĝe 8): ĝastĉambron sendube estas skriberaro kaj devas esti “ĉastĉambron”!

PS 2). Traffic lane = trafikstrio. Marcel Leereveld.




Jen senpage elŝutebla libro por lerni Esperanton kaj pri Esperanto (en la angla)

http://www.ikso.net/en/libera/ Amike, Nicole

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2014-03-20 - AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (20/03/2014) ĉeestis
Esther, Indrani, Jim, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor
Heather spektis belan spektaklon

*** VENONTA KONGRESO EN 2015**
Ni estas iomete frustritaj. Ni ankoraŭ ne havas taŭgan lokon en Novkastelo por nia venonta kongreso en januaro 2015. Se ni ne havas seriozajn proponojn post du semajnoj, ni kongresos en bone konataj lokoj (Melburno, Kanbero aŭ Sidnejo)

*** ORIENTA TIMORO**
Ni ankoraŭ ŝatas la ideon de komuna evento. Heidi vizitos Orientan Timoron en aŭgusto kaj ni ŝatas inviti unu de ili al nia venonta januara kongreso (se li/ŝi jam serioze studis iom da Esperanto)

*** RETEJO**
Jonathan proponis novan strukturon por nia retejo. Ni diskutis kaj diskutos.

*** LIBROSERVO**
Indrani finfine sukcesis paroli kun Robert Budzul kaj ni esperas ke la ĥaoso estos baldaŭ solvita.

*** ESK**
Baldaŭ aperos. Espereble antaŭ Pasko.

Esther, Kam Lee, Indrani, Jim, Jonathan, Margaret, Sandor

## Vortoj de "Lernu"

EKSPEDI
Sendi al difinita adreso, loko (pakaĵon, leteron ktp.):
Nepre ekspedu telegramon al viaj gepatroj.
Ni povas spekti la hororfilmon; mi jam ekspedis la infanojn en la liton.
Oni ricevas rabaton por dek ekspedoj.
Kie troviĝas la ekspedejo de ĉi tiu revuo?
Mi kontentas pri la ekspedisto - mi ricevas ekspeditaĵojn ĝustatempe.
La ekspresa ekspedado kostas pli multe.